# Aŭstraliaj  Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**

**PLENUMITA 27/12/2018 Kvarcentsesa eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj



Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

**Uzindaj ligoj.** *openclipart.* *reta-vortaro* *Freelang Vortaro* *Plena Ilustrita Vortaro* * Google Translate* * Pasintaj AE eldonoj* * Duolingo * duolingo all courses * lingvohelpilo* *PMEGramatiko* * Esperanta Retradio* *Esperanta himno*

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Entute 768,000 lernantoj nun studas Esperanton per Duolingo



Nun studas **361,000** lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)

Nun studas **309,000** lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)

Nun studas **98,000** lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Gramatika serio “La Verbo en P.A.G.”.

### N.ro 48 ( La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay)








$ 160 klarigas la Refleksivon. Malsame al en kelkaj etnaj lingvoj, en Esperanto nek la formo nek la signifo de la Refleksivo montratas de la verbo, kaj ni do ne diskutas ĝin en nia ĉi tiu rubriko. La nura eblo en nia lingvo por enkorpigi la Refleksivon en la verbsistemon estus uzi la refleksivan pronomon “si” kiel prefikson, do “La dancisto siturnas rapide”. La Esperantistaro ne akceptis tiun formon, sed ĝi akceptis ĉi tiun perprefiksan kunmetadon en, nur kelkaj, substantivoj, kiel “Lia siteno” kaj “Mia siofero” (kio devus esti “Mia miofero”). Apenaŭ renkonteblas “Lia silavado” kaj “Ŝia sivestado”. Tia Refleksivo estas en Esperanto tre malofta, escepte ĉe “siteno”, kiun oni ofte kaj tute malĝuste nomas: ”sinteno”, kia kunmetado estas fremda al la gramatiko de Esperanto. Malgraŭ la forta hezito uzi refleksivajn substantivojn per prefikso, ne ekzistas alia maniero krei ilin. Kun la verbo, kontraŭe, oni ofte uzas la refleksivon en la formo de pronomo.



*Marcel Leereveld* (Ne ĉargrenu, AE ricevis ĝis N.ro 51 de “La Verbo en P.A.G.”.)

*Macel resaniĝis kaj hejmen iris el la malsanulejo.* *Informis Heather Heldzingen*



# Sidneja Zamenhofa festo.




Mi ne partoprenis Zamenhof-feston en Sidnejo dum kelkaj jaroj do estis ĝoja suprizo kiam mi ĉeestis trovi novajn junajn vizaĝojn en la grupo. 24 partprenis en la taga festo. Kaj estis eĉ pli granda suprizo kiam mi revenis en la vespero - mi iris al alia festo inter la 16.00 kaj 18.00 - ĉar en la klubo estis pli da junuloj. Ili babilis, manĝis kaj trinkis. Do estis nenia formala prelego aŭ aranĝo sed ili ja praktikis Esperanton. Mi parolis al junulo Max kiu eble estis unu el la pli aĝaj de tiu grupo. Eble li aĝis ĉ. 30 jarojn. Max diris ke per *Meet-Up* kaj Amikumi li kontaktis lokanojn por kafumi, aŭ neformale renkontiĝi. En Majo li komencis alveni al E-domo sabatvespere. Kaj aliaj junuloj sekvis ĝis la nombro estas foje 15 da ili. En la Z-vespero estis ĉ. 12. Richard Delamore estis inter ili kaj kiel la kreanto de Amikumi li respondecas pri tia kresko da uzantoj de la klubo.

La tagan feston mi tre ĝuis. Jonathan Cooper, Rainer Kurtz kaj James prelegis. Du rusaj sinjorinoj kun belaj voĉoj kantis kazonojn en Esperanto (kvankam ili konfesis ke ili ne povas paroli Esperanton). Kaj ni bone manĝis. Dmitri Lushnikov aranĝis multon, do dankon al li.

Estis kelkaj el la junuloj ĉe la taga renkontiĝo sed ilia prefero, laŭ mia observo, estis la vespera festo kun aliaj junuloj. Kvankam mi kaj edzino ne tiom junas ili varme bonvenigis nin en la grupon kaj babilis kun ni.



Do ĉu finfine estiĝas junulara grupo en Aŭstralio? Se jes estas danke, parte, al la laboro de Richard kaj Dmitri en Sidnejo. *Terry Manley*









"Kristnasko kaj Novjaro,
jen du frataj celebroj.
Okaze de Novjaro
ekaperas nova tempo
kaj je Kristnasko Jesuo
reviviĝas; do, renaskiĝas
Espero en la mondo."

Paiva Netto



Jen niaj varmaj bondeziroj al Vi, kara samideano, el la membraro de la Esperanta Fako de Legio de Bona Volo.




LBV

www.bonavolo.com

Paco, Espero, Ĝojo kaj Amo estu la donacoj por Vi dum la 2019-jaro!



# Varmkorajn gratulojn



Varmkorajn gratulojn al Eunice, centjara junulino, kaj al Marcel, 101-jara junulo. La du ne loĝas en la sama urbo, do, ne povas esti dank' al io en la akvo.... Devas esti Esperanto kiu kulpas! Longe kaj kontente ili vivu plu. *Vera Payne*



Semoj en ŝrankoj ne kreskos,




Ekstere miloj

mortos.

**SED**




**Unu disigita semo povas kreski ĝis bela estaĵo. Semu Esperanto-semojn**






# Profunde fosi en mia ĝardeno.

## ĈERPI PROFUNDEN EN LA GRAMATIKO .



KAJ Esperanto KAJ la etnaj ĝermanaj lingvoj, inkluzive de la angla, estas t.n. aglutinaj lingvoj. Tio signifas, ke ili faras novajn vortojn, kun novaj nocioj, per la kungluado de du aŭ pli da jamaj vortoj. La etnaj havas du aŭ tri specojn de aglutinado, Esperanto havas dekon. Ambaŭ lingvoj havas ankaŭ kelkajn duonaglutinajn vortkunmetaĵojn.

Kompreneble ekzistas reguloj pri tia vortkunmetado. La etnaj lingvoj havas plurajn esceptojn al la reguloj, sed Esperanto nur la nature necesajn. La precipaj reguloj estas:

**1.e** Du aŭ pli da radikoj estas kunligataj en unu vorton kun unu nova nocio, signifo, kaj la vicordo de la elementoj estas, ke la ĉefelemento situas laste, post la aliaj elementoj (trinkakvo, *drinkingwater*), kaj antaŭ eventuala finaĵo: urbdomo (la ĉefelemento povas esti sufikso: biertrinkULo, *beerdrinkER*). En etnaj lingvoj neniam estas esceptoj al ĉi tiu plej grava regulo, sed en Esperanto la vicordo estas renversata se la ĉefelemento estas prepozicio (tiaj ne ekzistas en etnaj lingvoj), nur pro natura neceso, ĉar ĉe la fino prepozicio ne rekoneblus: la “montsura” flago > la "surmonta” flago.

**2.e** La dua regulo estas, ke la elementoj skribatas kaj diratas kiel unu vorto sen io ajn inter ili. Do ”vortordo”. En Esperanto la nuraj esceptoj estas, ke oni rajtas meti la sensignifan literon “o” inter la radikojn, nur por faciligi la prononcadon, kaj ke la ordaj numeraloj tenas sian finaĵon “a” (kiu esence estas sufikso ĉi tie): “triaetaĝa” (“trietaĝa” = “de tri etaĝoj”). La sola, sed grava, escepto en la angla estas, ke la du elementoj havas, ne literon aŭ vorteton, sed spacon inter si: “*wheather forecast*”. La germana kaj la nederlanda ĉiam kunigas la du elementojn, sed ne malofte uzas litero(J)n inter ili, AŬ pro bonsoneco AŬ por indiki pluralon (*Pferderennen*, *pereboom*).

**3.a** regulo estas, ke la origino de la ĉefelemento estas substantivo (“tuko”) (kelkfoje adjektivo aŭ adverbo aŭ verbo) kaj la origino de la flankelemento estas prepozitivo (“por la tablo”). La nura escepto okazas ĉe la duonaglutinaĵoj: “surmonta” kaj “ruĝkolora”, kiuj ankaŭ en etnaj ingvoj havas (aliajn) esceptojn: “*redheaded*”, “*lefthanded*”, “*goodtasty*”.

Interesaj sed komplikaj kunmetaĵoj en Esperanto estas la duoblaj duonaglutinaj kunmetoj, kiaj “malvarmakvnaĝejo”, “*coldwaterpool*”. Ili estas duoblaj kunmetaĵoj, ĉar troviĝas du duonaglutinaĵoj: **1a.** “malvarmakvA (*coldwatery*) kaj **2a**. “akvA naĝejo” (*watery*), ambaŭ adjektivoj kun siaj substantivoj.

Jen pliaj ekzemploj de tiuj duonaglutinaĵoj : “blankneĝa pejzaĝo”. *snowwhite landscape*; “senespera kortumkazo”, *a hopeless court case*; “kungaraĝa (por “garaĝkuna”) domo”; “dugaraĝa domo”, *a twogaraged house*; “kvarlitĉambra loĝejo”, *a fourbedroom(ed) dwelling*; “kvargaraĝa domo”, *a four-garaged house*; “unuaklasa vojaĝo”, *a firstclass journey*; “duneceseja domo”, *a two-toilet house*; “ruĝflora rozo”, *a redflowering rose*; “eksterdomkuireja domo”, *an outside kitchen house*; “larĝkuireja domo”, *a house with a large kitchen*; “lunplena nokto”, *a night full of moonlight*; “plenluna nokto”, *a full moon night*; “fremdprononca viro”, *a man with a foreign accent*; “multfiŝa lageto”, *a pool with many fish*;

"nekutimodora vino", *an unusually smelling wine*; "danĝerintenca viro", *a man with dangerous intentions*; "malmultenergia maljunulo", *an old man with little energy*; "valorjuvela virino"; "altarba arbaro"; "sesvagona vagonaro"; "tiucela vojaĝo"; "tiaodora floro"; "alispeca planto"; "nilerneja eniro", *the entrance to our school*; "profundpensa filozofo"; "neniamfinata laboro"; "dankesprima letero"; "bonespere serĉadi"; "ortrove fosi"; "fiŝmanĝa birdo"; "infantaŭga libro"; "ĉiesdezira fino".

Ĉe multaj el la ĉisupraj ekzemploj la etnaj lingvoj ĝenerale uzas analizajn esprimojn, kion ĉiam devas fari la nederlanda. La germana uzas kunmetojn kiaj Esperanto, sed kun ekstra finaĵo: *blau"augig, grossherzig*. La angla ofte uzas, kiel Esperanto, la aglutinajn kunmetojn, kun aŭ sen finaĵo: *unleaded petrol price; high octane petrol*; *winddriven wildfire*. Tiuj duoblaj duonaglutinaj kunmetoj estas tre popularaj en Esperanto.

*Marcel Leereveld*.

## LA LINGVOMIKSPOTO EN LA MONDO .

Dum la pasintaj dekmiloj da jaroj, kaj verŝajne ankaŭ antaŭ tio, grandaj amasmovadoj el de unu mondparto al alia okazis. Ilia kaŭzo estis en plej multaj kazoj la manko de manĝaĵo, kaj preskaŭ ĉiam tiuj homaj amasmovadoj okazis el oriento al okcidento, precipe en Eŭropazio. Unu el la pruvoj de tiaj amasaj migradoj estas la samtempa kaj samloka movado de lingvoj, precipe el oriento al okcidento. Konsekvence la tre granda parto de la eŭropaj lingvoj estas la hinda lingvo, parolata aŭ parolita en Hindujo. Dum la homa kaj lingva migrado la lingvoj ŝanĝiĝis, parte pro influo de la lingvoj de tiuj homgrupoj kiuj ne partoprenis en la amasmovado kaj restis surloke, kaj do devis intermiksiĝi kun la amasoj de enmigrantoj kaj transmigrantoj; la lingvoscienco povas atesti pri tio.

La rezulto de tiuj lingvomigradoj estas granda plimultiĝo de lingvoj malsamaj kvankam similaj pro parta deveno el de sama origina lingvo. Tiu amasmigrado de homoj kaj lingvoj okazis ne nur en Azio kaj Eŭropo, sed ankaŭ en ĉiuj partoj de Afriko kaj eĉ en Ameriko. En suda Afriko ekzemple ne loĝis negroj, nur hotentotoj kaj aliaj similaj popoloj. Sed la negroj, samtempe kun la nederlandanoj, koloniigis sudan Afrikon kaj do alportis ankaŭ siajn lingvojn. En Persujo oni parolas hindlingvan postvenulon.

Estas precipe du gravaj rezultoj de tiu multobligo de lingvoj en la mondo: la bona estas ke ĉiu lingvo kunigis pli proksimen la homojn de la apartaj landoj, kaj la malbona estas ke la diverseco de lingvoj kontraŭbatalis kaj –as kaj –os la utilan kaj nuntempe necesan kunlaboradon kaj kunvivadon de la popoloj kun malsamaj lingvoj aŭ eĉ dialektoj. En la pasinteco oni uzis naciajn lingvojn kiel internaciajn, ĉar nur la elitoj bezonis uzi ilin por kontaktoj kun aliaj popoloj. Sed nun iu ajn nacia lingvo uzata kiel internacia estas malŝatata, ĉar la landoj de ties parolantoj havas kulturan kaj ekonomian avantaĝojn. La lingvoj kiuj tiel uzatis, ekz. la franca kaj la angla kaj estontece la hispana kaj la ĉina, puŝiĝas internacien pro la politika kaj ekonomia potenco de iliaj landoj. Tiu situacio ne ŝanĝiĝos en la estonto, escepte, kaj eble, se oni grandskale akceptos Esperanton, aŭ se oni sukcesos aranĝi la mondon tiel, ke ne ekzistos ŝtatoj, landoj, kiuj ekonomie estos pli potencaj ol la resto de la landoj. Parte, sed tre malforte, oni komencis fari tion per la kreado de la Unuiĝintaj Nacioj, kaj de la Eŭropa Unio. Havante la anglan lingvon, kaj ne la francan aŭ la germanan, helpas tiun potencegalecon inter la malgrandaj anoj de la E.U., sed Eŭropo ne estas la mondo kaj tial sekvos konkurenco

kun Usono, kun Rusujo, kaj kun Ĉinujo. Sed ĉiukaze la akcepto de la angla helpos tiun eŭropan harmonion, escepte ke la angla estas multe tro malfacila kaj malregula por ebligi ĉiujn eŭropanojn lerni ĝin kontentige. Speco de *Basic English*, Baza Angla, estus estinta pli sukcesa, kiel la Bazarmalaja en Indonezio. Tamen krei tian Bazaranglan estas ege malfacila. Esperanto estus perfekta intereŭropa lingvo, sed gramatike kaj semantike ĝi ne aspektas sufiĉe eŭropeca por la eŭropanoj. Do malgraŭ nia optimismo kaj idealismo la lingva situacio ankoraŭ tute ne aspektas esperplena.

Tia espermalpleno ne gravas al la granda plejmulto de la Esperantistoj, ordinaraj same kiel kleraj. Ili amas Esperanton precipe por nun tuj havi ĝian utilon por si mem, por aparteni al agrabla kaj parte idealisma frateco, aŭ por glori per ĝi por siaj propraj personaj bezonoj. Sed venos tempo, ke sciencemaj homoj interesiĝos pri nia lingvo, kaj fine trovos ĝin neplibonigebla kaj do tial utila. Kelkaj el ni, farante Esperanton kiomeble plej perfektema, helpos tiujn sciencistojn *Marcel Leereveld.*

**MIA ĜARDENO TRINKIGOS MIN ILIN** (= zamenhofa por "igos min trinki ilin", aŭ "trinkatigos ilin de mi"). La tilioarbo en mia ĝardeno, kiun mi antaŭ kelkaj monatoj trionigis, havinta tiam tri trunkojn preskaŭ tridek metrojn altajn, nun floras: malgrandaj senkoloraj floretoj. Do mi baldaŭ povos rikolti ilin por uzi ilin por fari mian teon. Ne je la angla "teo-tempo", sed ĵus antaŭ ol enlitiĝi. Agrabla antaŭvido! *Marcel Leereveld.*



## Poezia konkurso en Francio akceptas poemojn en Esperanto



Baldaŭ komenciĝos la franca konkurso 2019 de "Poésie en liberté" (Poezio tut'libera), duafoje malfermata al poemoj en Esperanto. En 2018, 48 junuloj el la tuta mondo partoprenis la konkurson esperantlingve. La konkurso 2018 finiĝis kun 2 belaj vesperoj en Parizo. *Katja Steele*



# Feliĉan Novjaron al miaj legantoj





**3ZZZ** En la elsendo de la 24a de decembro eblas aŭdi leteron skribitan la 16an de januaro 1942 de Jaime Craŭ Casas el koncentrejo en Francujo pro kontraŭstaro kontraŭ Franco, la leteron 56 de Zamenhoj, en kiu li klarigas ke li tute ne hontas pro tio ke li estas judo kaj ne provas tion kaŝi, kaj intervjuo pri ekologio kaj veganismo de Vito Markov. *Franciska Toubale*

